Jaro V * N.° 53ª Majo * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



## Hunda afero

Casantoj nur estas ĉasantoj; ni dirus plivere, ĉasantoj estas nur ĉasistoj, ĉar ili faras gravan profesion el ĉarma amuzaĵo konsistanta pafi senkompate al ĉiuspecaj timemaj bestetoj. Kompreneble, tia okupado tute absorbas ilian aktivecon; kiel, do, oni povas postuli de tiuj necesegaj viroj ke ili fariĝu Esperantistoj? Aliparte, ili sekvus tre volonte la verdan stelon kondiĉe ke sur tero ne ekzistus leporoj, kunikloj, perdrikoj k. t. p. Iam, konata advokato el Madrido estis demandita pri sia profesio; li (fervora disciplo estis de Sankta Eŭstakjo) respondis senŝanceliĝe: «mi estas ĉasisto, kaj dum la libertempo, advokato.»

Ni ne trograndigas; ĉasisto ĉion forgesas, krom sian ĉaspafilon, siajn kartoĉojn, sian hundon. Ho! la hundo! Jen la vundebla flanko de tiu paca kaj simpatia mortigulo. Permesu, do, ke ni alĵetu al ĉasemuloj Esperantan fiŝhokon kun alkroĉita peceto da ĉasa allogaĵo. Ni babilu iom pri tui teruva malsano, kiu podeke rabas la vivojn de niaj fidelaj bestoj; pri *mokiljo* (mokfebro) (1).

Mi estas nek veterinaro nek ĉasisto. Decas ke mi konfesu mian nescion por forigi respondecon en tiel grava afero. Malnova ĉasisto konigis al mi kelkajn detalojn de li lernitajn mi nescias kie. Li certigis pri ilia plena sukceso. Jen sekve la notetoj de la kompetenta praktikulo.

Kia malsano ĝi estas? Diras la specialistoj ke mokiljo estas febro nervo-katara. La plejmulto el ili opinias ke ĝi estas komunikebla al aliaj hundoj per kontakto.

---

(1) Nesciante ĉu ekzistas jam adekvata nomo de tiu karakteriza malsano, ni uzas la vorton *mokiljo* devenanta el hispana «moquillo.»
Nazfluo, nazmuko k. c. ne bone taŭgas, ĉar per tiuj vortoj oni esprimas nur simptomojn pli-malpli komunajn al diversaj malsanoj.

Ordinaraj simptomoj: daŭra ternado, malfacila elspirado, tuseto, emo senefika al vomo. De la komenco hundo estas malgaja; per ĝiaj duonfermitaj okuloj ĝi rigardas neprecize ĉirkaŭstarantajn objektojn. Febro aperas; la kapo iom ŝveliĝas, la okuloj iĝas malklaraj; poste montriĝas nazfluo, aŭ la malpura fluidaĵo interniĝas. Ambaŭokaze hundo plimalboniĝas de tago al tago, kaj ofte mortas tute lacegita kaj ruinigita (permesu la esprimon). Iu diris, eble prave, ke mokiljo estas la rapidega ftizo ĉe la hundaro.

De unuaj simptomoj sin trudas zorga varmigo kaj zorga lito. Ne forgesu hispanan proverbon: «al la hundo molan liton kaj malmolan panon». Laksigu ĝin tuj per 30 gramoj el halapo kaj 15 el rabarbo. Kiam laksilo efikos, donu al la malsanulo kulereton da radiko de pipro pulvorigita, dufoje aŭ trifoje en tago. De tempo al tempo konvenas ke ĝi trinku porcion da infuzo de kina ŝelo. Post kelkaj taĝoj je tiu kuracado donu al ĝi alian laksilon.

Bona rimedo ankaŭ estas meti subhaŭta fadeno (hispane *sedal*) alkroĉita al kolo de l'hundo. Jen simpla agmaniero: prenu silkan ŝnureton, trempu ĝin en oleon, disŝutu sinapon pulvorigitan laŭlonge je ĝi, kaj trapasu la ŝnureton tra la haŭto per kudrilo, interspace je tri aŭ kvar centimetroj; fine, ligu la ekstremaĵojn. Nature hundo puselfluas per la truetoj. Purigu ofte la ŝnureton.

Kvankam ni konfidas pri taŭgeco de tiuj metodoj, ni memoru ke foje mokiljo sin prezentas kunmiksita kun aliaj malsanoj, ekzemple la epilepsio. Tiu okaze tio plej bona estas tuj venigi lertan veterinaron, se eble.

E. Cano.

# La Kongresurbo Dresden

Dresden, la urbo de l'kvara kongreso estas la ĉefurbo de la reĝolando Saksujo kaj la reĝa restadejo. Ĝi kuŝas en vasta valo, en belega regiono apud la ambaŭ bordoj de la Elbe. Belaj montaltaĵoj enkadrigas la urbon. Kvin pontoj, de ĉiuj oni ĝuas belan aspekton, ĵetas siajn arkojn super la riĉe vivigata riverego. Dresden havas 520.000 loĝantojn kaj estas la sidejo de l'reĝo, de la ĉefaj landregistaroj, de la ministrejoj, k. t. p.

La klerigaj institutoj de Dresden ĝuas mondfamon. Precipe rimarkinda estas la Teknika lernejo, la venonta kongresejo, la artakademio kaj la veterinara supra lernejo. Ili estas multe vizitataj de eksterlanduloj. Tiel same ĉiuj popolaj institutoj, malsanejoj k. t. p. entenas unuarangajn aranĝojn.

Dresden estas distinga reĝa restadejo kaj internacia kolonio por fremduloj, sed ankaŭ vivplena industria kaj komerca urbo. En kelkaj industriaj fakoj oni atingis plenan perfektecon, nome en la artmetio (artistaj mebloj, lumigilaro k. t. p.) En plena floriĝo estas ankaŭ la fabrikado de ĉokolado, nemiaĵoj, artistaj floroj, plumoj k. t. p. Grandan ĉiekonatan sukceson atingis la Dresdenaj ĝardenistoj per iliaj belaj kaj delikataj produktaĵoj, rozoj, orkideoj, krisantemoj k. t. p. En la lastaj dek jaroj prosperis ankaŭ la Dresdenaj presejoj, la fotografaj, litografaj kaj aliaj artlaborejoj.

Plie Dresdeno estas ĉefloko de la Elbveturado kaj sidejo de pluraj (kelkaj) ŝipveturaj societoj.

Grandan influon je la koincido de la internacia fremdularo en Dresden havas la multaj ekspozicioj, kiuj ĉiam havas lokon en la grandioza ekspozicia palaco. Ankaŭ en la tempo de l'kvara granda saksa ekspozicio estos aranĝata en tiu luksa konstruaĵego. En la parko de la ekspoziciejo tre verŝajne havos lokon granda esperantista ĝardenfesto.

Sed antaŭ ĉio Dresden dankas sian mondfamon al la multenombraj arttrezoroj, kolektigitaj tie ĉi de la saksaj princoj, kaj al sia belega situacio, en mezo de ĉirkaŭaĵo, superriĉa en naturbelecoj. Pro tio la granda germana poeto Herver nomis la urbon: la germana Firenco. Estas certe, ke Dresden estas unu el la plej belaj lokoj de Eŭropo.

# Konstanka komitato de la Kongresoj

## TAGORDO DE LA KVARA KONGRESO

Konforme al la Kongresa Regularo, akceptita dum la Tria Kongreso, la Konstanta Komitato de la Kongresoj petas la Esperantistojn kaj la Societojn kaj Grupojn, kiuj havas proponojn por fari, rilate al la temoj studotaj de la Kvara Kongreso, ke ili volu skribi ilin al la Prezidanto de la Konstanta Komitato, 51, rue de Clichy, Paris.

Tiu peto koncernas eĉ la personojn, kiuj jam eventuale publikigis proponojn en ĵurnaloj. Povas okazi, efektive, ke tia propono, kiel ajn interesa ĝi estas, ne estas rimarkita de la Komitatanoj; kaj, oni havos la certecon ke ĝi estos konsiderata de ili, nur se oni estas sendinta ĝin oficiale al la Prezidanto.

La Komitato memorigas, pri tio, la jenajn artikolojn de la Kongresa Regularo:

Art. 3.[a] Celo de la Kongreso estas la esploro de ĉiuj demandoj komuninteresaj por ĉiuj Esperantistoj, kun escepto de la religiaj, politikaj kaj socialaj demandoj, kiuj ne devas esti tuŝataj en Kongresa kunsido, kaj de la lingvaj demandoj, kies esploro kaj solvo, estas rezervitaj al la Lingva Komitato.

Art. 4.[a] Povas esti priparolataj nur la temoj enskribitaj en la tagordon. La temoj, akcepteblaj laŭ artikolo 3.[a] estas senpere metataj en la tagordon, se ilia esploro ne postulas specialistan kompetentecon.

La temoj, kies pripararolado postulas tian kompetentecon, estas metataj en la tagordon, nur post esploro de specialista sekcio.

En la nomo de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. La Ĝenerala Sekretario: *Gaston Moch.*

* * *

# Oficiala Gazeto Esperantista

Laŭ deziro jam de longe esprimita de D.ro Zamenhof kaj de la Prezidanto de la Lingva Komitato S.ro Boirac, la Centra Oficejo faris la necesajn aranĝojn, por ebligi la eldonadon de *Oficiala Gazeto Esperantista* kiu publikigos la aktojn de la oficialaj institucioj de Eperanto, aldonante al ili ĉiujn ablajn sciigojn utilajn por la propagando.

La rubrikoj ĝis nun, antaŭvidataj por tiu organo estas la jenaj:

*I.—Oficiala Parto*: Komunikoj de D.ro Zamenhof. Lingva Komitato. Konstanta Komitato de la Kongresoj.

*II.—Neoficiala Parto*: Centra Oficejo. Societoj kaj Grupoj. Konsuloj kaj Esperanto-Oficoj. Registraroj kaj publikaj institucioj. Diversaj sciigoj. Gazetoj kat biblografio.

Pri ĉiuj tiuj temoj, oni publikigos sciigojn kiel eble plej ĝustajn, simplajn faktojn, sen komentarioj aŭ diskutoj.

La gazeto aperos ĉiumonate escepte en Septembro, komencante de Junio proksima.

Prezo de l'abono por unu jaro, kvin frankoj. Redakto kaj administro, 51, rue de Clichy, Paris.

Oni estas petata sin turni al tiu adreso por aboni, kaj pri ĉiuj enpresotaj sciigoj.

# Traboritaj Oreloj

Vere ĉiunacia kaj ĉiutempa modo estas la traboro de la oreloj por alpendigi al ili bukojn. La gento de la *Oreltraborituloj* estas tiel tutmonde disvastigata, ke apogante nur sur ŝajnoj oni povus difini la homon: besto kun traboritaj oreloj.

Efektive, se ĝi ne apartenas al la esenco mem de l'homeco, de kie devenas tiu ideo komuna al ĉin homa cerbo ĉiulande kaj ĉiutempe?

La psikologiistoj, etnologiistoj, paleontologiistoj k. c. de longe pridiskutadas tiun gravan demandon, sed ilia scienculeco malhelpas, ke ili interkonsentiĝu. Tamen—tion montras la komuna saĝo—precipe la vantecon de siaj posedantoj la homaj oreloj povas kulpigi pri tiu senglora vundo.

* * *

Estas rimarkinde, ke tiu modo malkreskas kaj eĉ celas al malapero ĉe la nacioj plej civilizitaj. La virinoj de kelkaj sovaĝaj popoloj streĉas siajn orellobetojn alpendigante al ili metalaĵojn pli kaj pli pezajn. La lobeto senĉese altirata malsupren tiel longiĝas, ke ĝi iom post iom atingas la ŝultron. En tiuj landoj longa orelo estas la virina belaĵo plej ŝatinda. La virinoj de niaj landoj ne same opinias: niaj elegantulinoj ne celas alkreskigi al si elefantajn orelegojn. Ĉu la vanteco estas malpli granda ĉe ni ol ĉe la sovaĝuloj? Tiun demandon mi ne intencas solvi. Vere estas, ke la sovaĝulinoj havas ĉe ĉiu orelo 5 aŭ 6 uncojn da alpendaĵoj, kaj ke ili alkroĉas ringegojn ĉe sia nazo, sed la belaj civilizitinoj havas siajn fingroringojn, ĉirkaŭbrakojn, broĉojn ĉirkaŭkolojn, hartenilojn, pinglojn...; ili havas ankaŭ siajn robojn, ĉapelojn... ho! la ĉapelegoj de niaj elegantulinoj! Sed al niaj orelbukoj ni tuj revenu...

* * *

Tiu modo mi ĵus diris ŝajnas malaperonta. Jam la viroj estas ĝin tute forlasintaj; tamen ne de longe pasis la tempo, kiam la vira vanteco obeis ankoraŭ tiun kutimon. Jam ankaŭ ĉe kelkaj familioj la gepatroj ne traborigas la orelojn de siaj filinetoj; tamen por tio granda dozo da energio estas necesa, ĉar tre ofte beleta paro da orelbuketoj estas la unua donaco de la avino aŭ de la baptopatrino.

Sed ankoraŭ tro ofte la patrina vanteco efikas antaŭ ol en la koro de l'infaneto vekiĝas la koketeco kaj oni liveras ŝin al la ĥirurgi... ne! al la juvelvendisto por ke li traboru la senkulpajn oreletojn.

—«Ho! ne pro vanteco, diras tiu negociisto, sed ĉar la orelbukoj forigas la okulajn malsanojn!» Kaj li alvenas kun siaj juveloj kaj sia traborilo.

Feliĉe, Naturo estas la plej inteligenta kuracisto: plej ofte la vundeto rapide kaj plene resaniĝas. Plej ofte, jes; sed ne ĉiam! Ĉu scias, ke povas okazi multaj komplikaĵoj: de negravaj sed malbelegaj haŭtmalsanetoj ĝis plej danĝeraj komunikiĝemaj malsanoj.

Tion ĉion pripensinte oni sin demandas, ĉu malpliiĝo de la homa vanteco pli forte efikas kontraŭ tiu barbara modo ol influo de pli kaj pli bone konata higieno.

D.ro A. MELLIN.

---

# SECCIÓN GRAMATICAL

**M. A. F. de V.**—Con *unuaj* se expresa lo mismo que con *primeros* en castellano; el sentido indicará si se trata de los que ocupan el número uno en cada grupo, ó del conjunto de los que ocupan los primeros lugares en un solo grupo. Debe usted pronunciar *jar-abono* y no *ja-rabono*, *for-iri* y no *fo-riri*.—No sé si he comprendido bien su pregunta sobre las cifras: las cifras no son otra cosa que los numerales cardinales representados por signos y no alfabéticamente; han de tener, pues, el mismo nombre; así, 7 = sep, 3 = tri, etc. No se ha publicado todavía ninguna gramática de Esperanto en Esperanto.

**Ç. G.**—Le devuelvo la traducción, que he leído atentamente; es correctísima.

HISPANO.

---

# Burgosaj Floraj Amuzoj

## TEMO PRI ESPERANTO

«El Esperanto; su pasado, su presente, su porvenir».—Premio de «*Centro Esperantista de Burgos*»: Fundamenta Krestomatio, Fundamento de Esperanto kaj Hamleto, lukse bindita.—Sendu la verkojn en hispana lingvo ĝis la 20.ª de Junio al señor secretario de la Academia de Ciencias Sociales de Burgos.

* * *

# Noticias del extranjero

**Francia.**—El Grupo de París organizó el 26 de Abril una solemne fiesta; los banquetes mensuales en el «Hotel Moderne», los de la «Barĉo», las reuniones en la Sorbonne y en la «Société de Photographie», se ven siempre concurridísimos.—Se han fundado nuevos grupos en Levallois-Perret, Sidi-bel-Abbés (Argel) y Mahdia (Túnez).—El 22 de Marzo se celebró en Dijon el primer congreso de la Federación de los grupos de aquella región bajo la presidencia del rector Sr. Boirac.—El Sr. Bourlet dió en París una conferencia á los policías, en la que se decidió establecer un curso especial para los oyentes—Son numerosísimas las ciudades en las que se enseña el Esperanto á los militares: París, Rueil, La-Roche-sur-Ion, Montpellier, Mayenne, Lyon, etc.—La «Action Française» de Túnez publica una interesante carta del señor Béchis, que muestra la constante correspondencia en esperanto que sobre asuntos comerciales ó científicos sostiene esta región con las demás naciones.

**Inglaterra.**—En Bath, el incansable profesor Christen empezó su semana esperantista por una conferencia ante 250 oyentes.—En Hull, Newcastle, Durham y Cleveland los grupos tienen de 200 á 300 socios.

**De todas partes.**—Se ha fundado oficialmente la «Ĉila Esperantista Asocio», de la que es presidente honorario el ministro de aquella república Dr. F. Puga Borne; la Junta Directiva la forman los Sres. Fraga, Gutiérrez, Espíndola y Guichard.—La fábrica de chocolates «Tobler» de Berna hace la propaganda de sus productos en el idioma internacional y publica un pequeño periódico ilustrado que va unido á los paquetes de chocolate con leche, fabricación especial de tan renombrada casa.—Dos bancos ginebrinos han editado cheques en Esperanto cuyo valor está expresado por *spesmiloj;* pueden pedirse specimen gratuito de estos cheques al director de «Esperanto-Ĵurnalo», 8, rue Bovy-Lysberg, *Ginebra*, Suiza.—El Sr. J. Fice, presidente de la Béziersa Stelo, *Beziers*, Francia, intenta publicar muy pronto una revista filatética en Esperanto; avisamos á los coleccionistas para que manden á dicho señor sus direcciones que se publicarán en el primer número.—El Comité de propaganda de la exposición jubilar de Praha ha publicado anuncios en el idioma de Zamenhof é invitará oficialmente á los congresistas de Dresden para que visiten Praha y su exposición después del Congreso.—Los diarios de Lisboa se ocupan favorablemente del Esperanto con motivo de las conferencias de propaganda que ha dado en dicha capital nuestro querido amigo Herbert Frederik Hoveler (Ĉefeĉ) de Londres.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

La Grupo de Madrido kiel la ceteraj hispanaj restas nepre fidela al Zamenhofa Esperanto; baldaŭ ĝi transloĝiĝos en la straton Echegaray 17, 1.°, kie oni komencis kurson faritan de S.ro José Mendez

## DE ESPANA

El Grupo de Madrid, como los demás de España seguirán fieles al Esperanto de Zamenhof; pronto se trasladará á la calle Echegaray 17, 1.°, donde se ha empezado uu curso por D. Julio Mendez

la 27.an de Aprilo kun la ĉeesto de multaj gelernantoj. La agema prezidanto de la Grupo S.ro Perogordo sciigas al la Esperantistoj, ke ĉiudimanĉe kaj ĵaŭde okazas amikaj kunvenetoj en la Cervecería (bierejo) de Munich la dekan vespere. Tie estos kore akceptataj la vojaĝantaj samideanoj.

Ni legas en «El Cruzado Aragonés» de Barbastro ke Sia Kanonikestra Moŝto Alfredo Sevil faris bonegan paroladon pri Esperanto, kiu estis tre aplaŭdata de la multenombra aŭdantaro. Dank' al ĝi oni kreis tie esperantistan grupon.

«Penadés Nou», empresas ĉiam interesan esperantan fakon. Ankaŭ «El Restaurador» de Vigo publikigis belan esperante verkitan rakonton.

En la antaŭa numero ni anoncis la fondiĝon de la Grupo de Utiel; jen la elektita komitato:

el 27 de Abril, al que asisten numerosos discípulos. El activo presidente del grupo Sr. Perogordo notifica á los esperantistas que los domingos y jueves se celebran amistosas reuniones en la Cervecería de Munich á las diez de la noche. Allí serán cordialmente aceptados los correligionarios forasteros.

Leemos en «El Cruzado Aragonés» de Barbastro que el M. I. S. Deán don Alfredo Sevil dió una hermosa conferencia sobre Esperanto que fué muy aplaudida por el numeroso auditorio. Gracias á ella se ha creado allí un grupo esperantista.

«Penadés Nou», inserta siempre una interesante sección esperantista. También «El Restaurador» de Vigo publicó un bonito cuento redactado en esperanto.

En nuestro número anterior anunciamos la fundación del Grupo de Utiel; he aquí la junta elegida:

Presidente: D. Generoso Planells.—Vicepresidente: D. Justiniano Gabaldón.—Secretario: D. José Chocomeli.—Vicesecretario: D. Santiago Marzo.—Cajero: P. Guinart.—Bibliotecario: D. Ernesto Ortiz.—Vocales: D. Vicente Talón, D. D. Dominguez, D. Matías Pérez y D. S. González.

La grupo havas jam pli ol 60 anoj. Konsulo Esperantista estas S.ro Ernesto Ortiz, kies plena adreso estas: Arrabal del Rio. *Utiel.* (Valencia.) Hispanujo.

Ankaŭ en Barcelono fondiĝis nova grupo «Tero kaj Libereco» apartenanta al nenia politika aŭ religia ideo. Ĝi sendas per tiuj ĉi linioj koran saluton al la tuta esperantistaro. Jen la direkta komitato:

El grupo cuenta ya con más de 60 socios. Es Cónsul Esperantista D. Ernesto Ortiz, cuya dirección es: Arrabal del Río. *Utiel.* (Valencia.) España.

También en Barcelona se ha fundado un nuevo grupo «Tero kaj Libereco» sin pertenecer á ninguna idea política ni religiosa. Por estas líneas envía dicho grupo un cordial saludo á todos los esperantistas. He aquí la junta directiva:

Presidente: D. Mauricio F. de Eixalá.—Secretario: D. Salomón Gold.—Cajeros: D. Manuel Alonso.—Bibliotecario: D. Jaime Durán.—Vocales: D. Mariano Lardies y D. Vicente Albamonte.

Oni malfermis la grupon kaj kursojn la 12.an de la pasinta Aprilo.

En «La Verdad», de Murcia, publikigis belajn artikolojn de propagando nia respektinda amiko S.ro Ricardo Codorniu; estas tre valorplena la konstanta verkado de interesaj artikoloj, tasko tre peza, kiun nia hispana *esperantistestro* prenis sur sin; neniam ni dankos sufiĉe tiun laboron. Ni profitas la okazon por

Se han abierto el grupo y los curso; el 12 del pasado Abril.

En «La Verdad», de Murcia, ha publicado hermosos artículos de propaganda nuestro respetable amigo D. Ricardo Codorníu; es inestimable esa constante redacción de interesantes artículos, tarea muy pesada que ha tomado á su cargo el jefe de los esperantistas españoles: nunca agradeceremos bastante su labor.

sciigi al multenombraj amikoj de S.ro Codorniu, ke de nun li loĝas en Madrido, strato de la Lealtad, 5-7.

«El Popular», de Gijón, publikigis belan artikolon de anonima verkisto. Al la nekonata aŭtoro ni sincere gratulas.

La grupo de San Fernando (Cádiz), elektis la jenan direktan komitaton:

Aprovechamos la ocasión para participar á los numerosos amigos del Sr. Codorníu, que desde ahora reside en Madrid, calle de la Lealtad, 5 y 7.

«El Popular», de Gijón, publicó un bonito artículo de un escritor anónimo. Felicitamos sinceramente al desconocido autor.

El grupo de San Fernando (Cádiz), elegió la siguiente junta directiva:

Presidente Honorario: Dr. Zamenhof.—Presidente efectivo: D. José Garzón Ruíz.—Vicepresidente: D. Miguel Matute.—Secretario: D. José Díaz Coronado.—Cajero: D. Manuel Soto Barranco.—Vocales: D. Ildefonso Nadal Cantos, D. Juan T. Marina y D. Luis Rodríguez Manso.

La Grupo de Almeria ĵus fondita elektis prezidanto S.ron Francisco Cordero.

El Grupo de Almería recién fundado ha elegido presidente á D. Francisco Cordero.

# La ombro

(MIRRAKONTO DE ANDERSEN)

El «Dua libro de l' lingvo internacia.»

(*Fino.*)

«Mi diras al vi, mi tie estis, kaj vi komprenos, ke mi ĉion vidis, kion oni tie povis vidi! Se vi tien enirus, vi ĉesus esti homo, sed mi fariĝis homo, kaj unutempe mi ekkonis mian internan naturon, la parencecon, kiun mi havas kun la poezio. Kiam mi estis ankoraŭ ĉe vi, mi pri tio ĉi ne pensis, sed apenaŭ la suno sin levis aŭ mallevis mi ĉiam, vi ankoraŭ certe memoras, fariĝis tiel mire granda; en la lumo de l' luno mi estis preskaŭ ankoraŭ pli klara, ol vi mem. Tiam mi ne komprenis mian naturon, nur en la antaŭĉambro de l' poezio, mi ĝin ekkonis—mi fariĝis homo! Mi eliris el tie, fariĝinte matura vivo, sed vi jam pli ne estis en la varmaj landoj. Estante jam homo, mi nun hontis tiel iri, kiel mi iris; mi ne havis botojn, vestojn, la tutan homan eksteraĵon, kiu donas al la homo lian signifon. Mi serĉis lokon por min kaŝi, jes, al vi mi povas

# La sombra

(CUENTO MARAVILLOSO DE ANDERSEN)

Del 2.º libro de la lengua internacional.

(*Conclusión.*)

«Ya os lo digo; estuve allí y ví todo lo que podía verse, como vos comprenderéis. Si hubieseis entrado allí, hubieseis dejado de ser hombre; pero yo me hice hombre, y al mismo tiempo comencé á conocer mi naturaleza interior, el parentesco que tengo con la poesía. Cuando estaba en vuestra compañía yo no pensaba en ello, pero apenas el sol salía ó se ponía, yo siempre, vos lo recordáis, me hacía tan admirablemente grande; á la luz de la luna, yo era casi más claro todavía que vos mismo. Entonces yo no conocía mi naturaleza; sólo en la antecámara de la poesía la conocí. ¡Me hice hombre! Salí de allí habiéndose hecho la vida madura, pero vos no estabais ya en los países cálidos. Siendo ya hombre, tuve vergüenza de ir como iba: ni tenía botas, ni vestidos, ni todo el exterior del hombre que le da su significación. Busqué un lugar

ĝin konfesi, ĉar vi mian sekreton en nenia libro malkovros,—mi min kaŝis sub la vesto de unu vendistino de sukerpanoj. La virino eĉ ne scietis, al kia grava persono ŝi donis kaŝejon. Ne pli frue ol je l' vespero mi eliris; mi kuradis sur la strato en la lumo de l' luno, mi min eltiradis laŭ la muroj, tio ĉi estis tiel agrabla por mia dorso! Mi kuris supren kaj malsupren, rigardis tra la plej altaj fenestroj en la ĉambrojn kaj sur la tegmentojn, mi rigardis, kien neniu povis rigardi, kaj mi vidis, kion neniu alia vidis, kion neniu alia devis vidi. La mondo por diri veron, estas sufiĉe malbona! Mi ne volus esti homo, se nur ne reĝus la malsaĝa kredo, ke esti homo havas ian gravan signifon! Mi vidis la plej nekredeblajn aferojn ĉe virinoj, kiel ankaŭ ĉe viroj, ĉe gepatroj ke ĉe la dolĉaj anĝelaj infanoj; mi vidis, kion nenia homo devus scii, kion tamen ĉiuj tiel volus scii—la malbonaĵon ĉe la najbaroj. Se mi skribus gazeton, kiom legantojn ĝi ricevus! Sed mi skribis tuj al la interesataj personoj mem, kaj teruro ekreĝis en ĉiuj urboj, en kiujn mi venis. Oni min timis, kaj oni penis plaĉi al mi. La profesoroj faris min profesoro, la tajloroj donis al mi novajn vestojn, tiel ke mi ilin havas en sufiĉa nombro; la monfaristoj faris monon por mi, kaj la virinoj diris al mi, ke mi estas bela.—Per tio ĉi mi fariĝis la homo, kiu mi estas, kaj nun mi diras al vi adiaŭ! Jen estas mia karto, mi loĝas sur la Suna Flanko kaj en pluva vetero mi ĉiam estas en la domo!» Tion ĉi dirinte, la ombro foriris.

«Mirinde!» diris la instruitulo.

Pasis kelkaj jaroj, kaj unu tagon la ombro subite ree venis.

«Kiel vi fartas?» demandis li.

«Ah!» diris la instruitulo, «mi skribas pri la veraĵo, la belaĵo kaj la bonaĵo, sed por tiaj aferoj ĉiu orelo estas surda; mi tute malesperas, ĉar tio ĉi min tre doloras».

«Mi el nenio faras al mi ĉagrenon!» diris la ombro, «kaj tial mi grasiĝas, kaj tio ĉi devas esti la celo de ĉiu prudenta homo. Vi ĝis nun ankoraŭ ne scias vivi en

para ocultarme, si á vos puedo confesarlo, pues no descubriréis en ningún libro mi secreto. Me escondí bajo el vestido de una vendedora de panes de azúcar. La mujer ni aún sabía á qué importante personaje prestaba escondite. No antes que anocheciese, salí; corrí por la calle á la luz de la luna, me extendía á lo largo de las paredes; esto era tan agradable á mi espalda. Yo corría arriba y abajo, miraba por las más altas ventanas á las habitaciones y sobre los tejados. Miraba donde nadie podía mirar, lo que ningún otro podía ver. El mundo, á decir verdad, es bastante malo! Yo no querría ser hombre si no rigiese la necia creencia de que ser hombre tiene una significación importante. Ví las cosas más increíbles en las mujeres como también en los hombres, en los padres como en los dulces, angelicales hijos. Ví lo que ningún hombre debiera saber, lo que sin embago todos quisieran tanto saber: las cosas malas de los vecinos. Si yo escribiese una gaceta, ¡cuántos lectores tendría! Mas yo escribí en seguida á las mismas personas interesadas, y comenzó á reinar el terror en las ciudades donde yo iba. Temíanme y se desvivían por complacerme. Los profesores me hicieron profesor; los sastres me daban vestidos nuevos; de modo que yo los tenía en número suficiente. Los acuñadores de moneda acuñaban para mí y las mujeres me decían que era hermoso. —Con esto me hice el hombre que soy y que solamente á vos digo hoy! Ahí está mi tarjeta, vivo en el Flanco del Sol, y en tiempo lluvioso siempre estoy en casa.» Diciendo esto la sombra salió.

«Admirable!», dijo el sabio.

Pasaron algunos años y un día la sombra de repente se presentó de nuevo.

«¿Cómo va de salud?» preguntó.

«¡Ah!» dijo el sabio, «estoy escribiendo sobre la verdad, la hermosura y la bondad, más para estas materias todo oído se hace sordo; yo estoy del todo desesperado, pues esto me acongoja mucho».

«Yo de nada tomo pesar!» dijo la sombra «y por eso engordo y este debe ser la norma de todo hombre prudente. Vos hasta ahora no habéis sabido aun vivir en

la mondo. Vi ankoraŭ tute perdos la sanon. Vi devas veturi! Mi en la somero faros veturon, ĉu vi volas min akompani? Mi deziras havi kolegon de l' vojo,—ĉu vi volas kunveturi estante mia ombro? Ĝi estus por mi granda plezuro havi vin apud mi; mi pagos la koston de l' vojo».

«Tio ĉi estas jam ne aŭdita malmodesteco!» diris la instruitulo.

«Laŭ tio, kiel oni ĝin prenas!» diris la ombro. «Vojiro redonos al vi la fortojn. Se vi volas esti mia ombro, mi prenas sur min unu la tutan koston de l' vojo!»

«Jam tro senhonte!» diris la instruitulo.

«Sed la mondo jam estas tia!» diris la ombro, «kaj tia ĝi restos!» kaj kun tiuj ĉi vortoj la ombro foriris.

La instruitulo fartis tute ne bone; zorgoj kaj suferoj lin turmentis, kaj tio, kion li parolis pri la veraĵo kaj bonaĵo kaj belaĵo, estis preskaŭ por ĉiuj kiel rozoj por bovo!—Fine li efektive malsaniĝis.

«Vi elrigardas kiel ombro!» diris al li la homoj, kaj teruro prenis la instruitulon ĉe tiu ĉi penso.

«Vi devas necese veturi en banejon!» diris la ombro, kiu venis al li. «Nenio alia restas! Mi vin kunprenos pro malnova konateco. Mi pagos la vojon, kaj vi poete verkos priskribon de l' vojo, kaj en la vojo vi penos min malenuigi. Mi veturas en banejon, ĉar mia barbo ne volas kreski kiel ĝi devus, tio ĉi ankaŭ estas malsano, kaj barbon oni devas havi! Estu prudenta kaj prenu mian proponon, ni ja veturos kiel kolegoj!»

Kaj ili veturis; la ombro nun estis sinjoro kaj la sinjoro estis ombro. Ili veturis kune. Sur ĉevalo aŭ sur piedoj ili ĉiam estis kune, flanko ĉe flanko, unu antaŭ aŭ post la dua, laŭ la staro de l' suno. La ombro sin tenis ĉiam sur la flanko sinjora kaj la instruitulon tio ĉi malmulte ĉagrenis; li havis tre bonan koron kaj estis tre pacema kaj amikema, kaj tial li unu tagon diris al la ombro: «Car ni jam fariĝis kolegoj de vojo kaj al tio ĉi ni de l' infaneco estis ĉiam kune, ni

el mundo. Aún perderéis del todo la salud. Vos debéis viajar. Yo en verano haré un viaje, ¿queréis acompañarme? Yo deseo tener un compañero de viaje, ¿queréis viajar conmigo siendo mi sombra? Sería para mí gran placer teneros junto á mí; yo os pagaré el viaje».

«Esto es ya una modestia inaudita», dijo el sabio.

«Según eso, cómo se toma esto!», dijo la sombra. «Un viaje os devolverá las fuerzas, si queréis ser mi sombra corre á cuenta mía todo el gasto del viaje».

«Esto es ya demasiada desvergüenza», dijo el sabio.

«Pero tal es el mundo, y tal permanecerá», dijo la sombra, y con estas palabras la sombra se marchó.

El sabio no disfrutó de buena salud, cuidados y sufrimientos le atormentaron, y lo que él habló sobre la verdad, la bondad y la belleza, era para casi todos como rosas para el buey.—Por fin, efectivamente, cayó enfermo.

«Parecéis una sombra!», le decían los hombres, y el terror se apoderaba del sabio con este pensamiento.

«Debéis necesariamente poneros en camino para unos baños», dijo la sombra. No queda más remedio! Yo os llevaré conmigo por nuestro antiguo conocimiento. Pagaré el viaje y después vos escribiréis sobre él, y en el camino haréis por distraerme. Yo voy á unos baños, porque mi barba no quiere crecer como debiera, esto también es una enfermedad, pues se debe tener barba! Sed prudente y aceptad mi proposición, nosotros, en verdad, viajaremos como compañeros».

Y viajaron; la sombra ahora era el señor, y el señor era sombra. Viajaban juntos. A caballo ó á pie siempre estaban unidos, lado por lado, uno delante, otro detrás, según la posición del sol. La sombra conservaba siempre el puesto del señor, y esto al sabio no molestaba gran cosa; tenía buen corazón y era muy pacífico y amistoso, y por eso un día dijo á la sombra: «Ya que nos hemos hecho compañeros de viaje, y á esto nosotros desde la infancia hemos estado juntos,

trinku nun fratecon, kaj ni estu pli familiara unu kun la dua.»

«Vi esprimis vian penson», diris la ombro, kiu nun ja estis efektive la sinjoro; «vi parolis rekte el la koro kaj bonintence, tial mi ankaŭ parolos el la koro kaj egale bonintence. Vi, estante homo instruita, scias tre bone, kiel kaprica estas la naturo. Multaj homoj ne povas tuŝeti malglatan paperon; aliaj per la tuta korpo ektremas, se oni gratas per karbo sur vitro; mi ricevas tian saman senton, se vi parolas al mi familiare; mi sentas min kiel alpremita al la tero, kiel mi estus ree en mia antaŭa dependeco de vi. Vi vidas, ke tio ĉi ne estas fiereco, sed sento. Mi ne povas permesi, ke vi parolu al mi familiare, mi mem tamen kun plezuro parolos kun vi senceremonie, kaj tiel mi almenaŭ duone plenumos vian deziron.»

Kaj de tiu tempo la ombro sinjore paroladis kun sia estinta sinjoro.

«Kia malaltiĝo!» pensis la instruitulo, «ke mi devas lin estimi kiel sinjoron kaj li kun mi parolas tute senceremonie!» Sed vole ne vole li devis konsenti.

Ili venis en banejon, kie sin trovis multaj alilanduloj kaj inter tiuj ĉi unu tre bela reĝidino, de kiu la malsano estis tio, ke ŝi tro bone vidis, kaj tio ĉi estas tre danĝere.

Ŝi tuj ekvidis, ke la nova veninto estas tute alia persono, ol ĉiuj ceteraj. «Li tien ĉi venis, por rapidigi la kreskon de sia barbo, tiel oni diras, sed mi bone vidas la efektivan kaŭzon de lia veno,—li ne havas ombron.»

Ŝi ricevis grandan sciemon, kaj tial ŝi sur la promenejo tuj komencis paroladon kun la alilanda sinjoro. Estante riĝidino, ŝi ne bezonis fari grandan ceremonion kaj tial ŝi diris: «Via malsano estas tio, ke vi ne havas ombron!»

«Via reĝida moŝto jam komencis tute saniĝi!» respondis la ombro. «Via konata malsano de tro bona vidado estas perdita; vi saniĝis: mi havas ombron tute neordinaran. Ĉu vi ne vidas la personon, kiu

brindemos por la fraternidad y seamos más familiares uno para otro.

«Habéis manifestado vuestro pensamiento», dijo la sombra, que realmente ahora era el señor efectivo, «habéis hablado de todo corazón y con buena intención, por eso yo también hablaré de corazón y con la misma buena intención. Vos, siendo hombre instruído, sabéis muy bien cuán caprichosa es la naturaleza. Muchos no pueden rozar un papel áspero; otros se extremecen en todo su cuerpo, si se rasca el cristal con un carbón, yo recibo esa misma sensación, si me hablas familiarmente, me siento como oprimido contra la tierra, como si estuviese en mi antigua dependencia de ti. Ya ves que esto no es orgullo, sino sensación. Yo no puedo permitir que tú me hables familiarmente; yo mismo, sin embargo, con gusto te hablaré sin cumplimientos, y así al menos llenaré tu deseo.»

Y desde entonces la sombra como señor con el que había sido su dueño.

«Qué humillación», pensaba el sabio, «que yo tenga que mirarle como á señor, y él hable conmigo sin ningún cumplimiento». Mas queriendo ó sin querer él tenía que consentir.

Llegaron á los baños donde se encontraban muchos extranjeros, y entre ellos una hermosísima hija de un rey, cuya enfermedad era, que vivía demasiado bien, y esto es peligroso.

Ella echó de ver en seguida que el recién llegado era completamente diferente á todos los demás. «El ha venido aquí, para activar el acrecimiento de su barba, así se dice, pero yo bien veo la causa efectiva de su venida.—El no tiene sombra».

Ella tuvo gran curiosidad, y por eso en el paseo trabó en seguida conversación con el señor extranjero. Siendo hija del rey no necesitó hacer gran cumplido, y por eso dijo: «Tu enfermedad consiste en que no tienes sombra».

«Su alteza ha comenzado ya á mejorar del todo», dijo la sombra: «su conocida enfermedad de ver demasiado bien ha desaparecido, estás buena. Yo tengo una sombra extraordinaria del todo. ¿No

min ĉiam akompanas? Aliaj homoj havas ombron ordinaran, sed mi ne amas aferojn ordinarajn. Kiel oni la vestojn de siaj servantoj faras el pli bona ŝtofo, ol oni portas mem, tiel mi donis al mia ombro la formom de homo, kaj, kiel vi vidas, mi eĉ donis al ĝi apartan ombron. Tio ĉi estas vere io tre multekosta, sed mi amas vivi alie ol ĉiuj!»

«Kiel!» pensis la reĝidino, «ĉu mi efektive saniĝis? Tiu ĉi banejo estas vere por mia malsano le plej helpa! La akvo en nia tempo havas tre mirajn fortojn. Sed tamen mi ne forveturos el la banejo, ĉar nun tie ĉi nur fariĝas interese. La alilandulo tre plaĉas al mi. Ke nur lia barbo ne kresku, ĉar tiam li forveturos.»

Je l' vespero en la granda salono de baloj dancis la reĝidino kun la ombro. Ŝi estis facila, sed li estis ankoraŭ pli facila; tian dancanton ŝi ankoraŭ neniam havis. Ŝi rakontis al li, el kia lando ŝi estas, kaj li konis la landon, li tie estis, sed ŝi tiam ne estis en la patrujo. Li rigardis supre kaj malsupre tra l' fenestroj kaj vidis multajn aferojn, kaj tial li povis respondi al la reĝidino kaj rakonti al ŝi tiajn aferojn, ke ŝi forte miregis. Li devis esti la plej saĝega homo sur la tuta tero. Ŝi ricevis grandan respekton por lia vasta sciado. Kiam ili post tio ĉi ree dancis kune, ŝi lin ekamegis, kion la ombro bone vidis. Ĉe la postiranta danco la konfeso de ŝia amo sin trovis jam sur ŝia lango, sed ŝi estis ankoraŭ tiel prudenta, ke ŝi ekpensis pri ŝia lando kaj regno kaj pri la multo da homoj, kiujn ŝi estis iam regonta. «Saĝa homo li estas!» diris ŝi al si mem, «tio ĉi estas bona; kaj li dancas belege, ĝi ankaŭ estas bona; sed egale grava demando estas, ĉu li estas sufiĉe instruita. Mi provos lin ekzameni». Kaj ŝi komencis proponi al li demandojn pri la plej malfacilaj aferoj, je kiuj ŝi mem ne povus respondi; kaj la ombro faris miran vizaĝon.

«Tion ĉi vi ne povas respondi!» diris la reĝidino. «Tion ĉi mi sciis ankoraŭ

veis á la persona que siempre me acompaña? Los demás hombres tienen sombra ordinaria, pero á mí no me gustan las cosas ordinarias. Como se hacen los vestidos de nuestros lacayos de mejor tela que la que nosotros llevamos, así yo he dado á mi sombra la forma de hombre, y como veis, hasta le he dado sombra aparte. Esto es algo que cuesta mucho, pero á mí me gusta vivir de otro modo que todos.

«Cómo!, pensó la hija del rey. «Efectivamente he curado? Estos baños son verdaderamente muy útiles para mi enfermedad. El agua en muchos tiempos tienen virtudes muy admirables. Y, sin embargo, ya no saldré de los baños, pues ahora aquí sólo hay interés. Me gusta el extranjero, sólo que su barba no crezca, pues entonces él se marchará».

Por la tarde, en el gran salón de baile bailaba la hija del rey con la sombra. Ella era fácil, mas él era todavía más fácil. Nunca había visto tan buen bailador. Ella le contó de qué país era, y él conocía el país, había estado allí. El miraba arriba y abajo por las ventanas, y había visto muchas cosas, y por eso podía responder á la hija del rey y contarle cosas tales, que ella se admiraría en gran manera. Debía ser el hombre más sabio sobre la tierra. Ella concibió gran respeto por los vastos conocimientos de él. Cuando ellos después de esto volvieron á bailar juntos, ella comenzó á amarle, lo cual vió la sombra perfectamente. En el baile siguiente la confesión de su amor estaba ya en su lengua, mas fué todavía tan prudente, que comenzó á pensar en su país y en su reino, y sobre la multitud de hombres que ella había de gobernar algún día. «El es un hombre sabio», decíase á sí misma, «esto es bueno; y baila lindísimamente, esto también es bueno; pero igualmente es cuestión importante, si es bastante instruído. Yo probaré á examinarle». Y ella comenzó á proponerle cuestiones sobre los más difíciles negocios, á los cuales ella misma no podría responder; y la sombra puso cara de admiración.

«A esto vos no podéis responder», dijo la hija del rey. «Esto ya me lo sabía

estante en la lernejo!» diris la ombro; mi pensas, ke tion ĉi eĉ mia ombro tie ĉe l' pordo povus respondi.

«Via ombro!» ekkriis la reĝidino, «tio estus multege mirinda!»

«Mi ne diras certe, ke ĝi povos», diris la ombro, «sed tiel mi pensas, ĉar ĝi ja tiel longe min akompanis kaj aŭdis, —mi tiel pensas! Sed permesu, Via reĝida moŝto, sciigi vin, ke ĝi estas tiel fiera kaj volas, ke oni ĝin prenu por homo; ke por teni ĝin en bona humoro—kaj tiel gi devas esti, por doni bonajn respondojn—oni devas paroli kun ĝi tute kiel kun homo.»

«Tia fiereco plaĉas al mi!» diris la reĝidino. Kaj ŝi iris al la instruita homo apud la pordo kaj parolis kun li pri suno kaj luno, pri l' internaĵo kaj eksteraĵo de l' homo, kaj li respondis saĝe kaj bone.

«Kia homo li devas esti, se li havas tian saĝegan ombron!» pensis la reĝidino, «ĝi estus efektiva beno por mia popolo kaj regno, se mi lin elektus por esti mia edzo!—Mi ĝin faras!»

La reĝidino kaj la ombro baldaŭ estis pretaj inter si, sed tamen tion ĉi neniu devis sciiĝi, ĝis ili venos en la landon de l' reĝidino.

«Neniu, eĉ ne mia ombro!» diris la ombro, kaj ne sen kaŭzo li tiel diris.

Baldaŭ ili venis en la landon, en kiu reĝidino regis, kiam ŝi estis en la domo.

«Aŭskultu, amiko!» diris la ombro al la instruitulo, «nun mi fariĝis tiel feliĉa kaj multepova, kiel nur estas eble, tial mi volas ankaŭ por vi fari ion neordinaran! Vi ĉiam loĝos ĉe mi en la palaco, vi veturos kun mi en mia propra reĝa kaleŝo kaj ricevos jaran pagon de centmil oraj moneroj. Por tio ĉi vi devas permesi, ke ĉiu kaj ĉio nomu vin ombro. Ne diru, ke vi iam estis homo, kaj unu fojon en la jaro, kiam mi sidos sur la balkono en la lumo de l' suno kaj montros min al la popolo, vi devos kuŝi ĉe miaj piedoj kiel efektiva ombro! Ĉar mi konfesas al vi, mi edziĝos je la reĝidino; ankoraŭ

yo cuando iba á escuela», dijo la sombra; yo creo que á esto hasta mi misma sombra allá junto á la puerta podría responder».

«¡Vuestra sombra!», exclamó la hija del rey, «¡esto sería muy admirable!»

Yo no digo ciertamente que ella pueda», dijo la sombra, «pero así lo creo, pues tanto tiempo me acompaña y me ha oído—así lo supongo—mas permítame su alteza que le diga, que mi sombra es así orgullosa y quiere que se la tome por hombre; que para tenerla de buen humor —y así debe estar para que dé buenas respuestas—se debe hablar con ella lo mismo que con un hombre».

«Este orgullo me place», dijo la hija del rey. Y se fué al hombre instruído junto á la puerta y habló con él sobre el sol y la luna, sobre el interior y el exterior del hombre, y él le respondió sabiamente y bien.

«¡Qué hombre sería aquél, si tenía una sombra tan sabia!», pensó la hija del rey. «Sería, en efecto, una bendición para mi pueblo y mi reino, si yo le eligiera para mi esposo,—¡así lo hago!»

La hija del rey y la sombra pronto estuvieron dispuestos, y sin embargo, nadie debía enterarse hasta que ellos llegaran al país de la hija del rey.

«Nadie, ni aun mi sombra», dijo la sombra, y no lo dijo sin motivo.

Pronto ellos llegaron al país donde gobernaba la hija del rey cuando estaba en casa.

«Escucha, amigo», dijo la sombra al sabio. «Ahora he llegado á ser tan feliz y tan poderoso como cabe en lo posible, por eso quiero también para ti hacer algo extraordinario! Vivirás siempre conmigo en palacio, irás conmigo en mi propia real carroza y recibirás una pensión anual de cien mil monedas de oro. Para esto debes permitir que todos y todo te llamen sombra. No digas que en otro tiempo fuíste hombre, y una vez al año, cuando yo me siente al balcón al sol y me muestre al pueblo, tú deberás echarte á mis pies como efectiva sombra! Pues te confieso que voy á casarme con la hija

hodiaŭ je l' vespero ni festos la edziĝon.»

«Ne, ĝi estas jam tro multe!» diris la instruitulo, «tion ĉi mi ne volas, tion ĉi mi ne faros! Ĝi estus trompi la tutan landon kune kun la reĝidino! Mi diros ĉion, ke mi estas la homo kaj vi estas nur ombro, kiu portas vestojn de homo!»

«Neniu vin kredos!» diris la ombro. «Estu prudenta, aŭ mi vokos la gardistojn!»

«Mi iros rekte al la reĝidino!» rediris la instruitulo. «Sed mi iros antaŭe!» ekkriis la ombro, «kaj vi iros en malliberejon!» kaj tien la instruitulo efektive devis iri, ĉar la soldatoj obeis la ombron, sciante, ke la reĝidino volas lin fari ŝia edzo.

«Vi tremas?» demandis la reĝidino, kiam la ombro eniris; «ĉu io okazis al vi? ne malsaniĝu hodiaŭ, kiam ni volas je l' vespero festi nian edziĝon.»

«Al mi okazis la plej terura afero, kiu povas okazi!» diris la ombro, «prezentu al vi—jes, tia malforta kapo de ombro ne povas longe sin teni—prezentu al vi, mia ombro perdis la prudenton, ĝi diras kaj ripetas, ke ĝi estas la homo, kaj mi—prezentu al vi—mi estas ĝia ombro!»

«Terure!» ekkriis la reĝidino, «oni ĝin ja enŝlosis?»

«Kompreneble! Mi timas, ke ĝi jam neniam ricevos ree la prudenton!»

«La malfeliĉa ombro!» rediris la reĝidino, «mi ĝin tre bedaŭras; estus tre bone por ĝi, se oni ĝin liberigus de ĝia malfeliĉa vivo. Se mi bone pensas, mi trovas, ke estas necese ĝin mallaŭte tute forigi.»

«Kvankam tio ĉi estus por mi tre dolora!» diris la ombro, «ĉar ĝi estis fidela servanto!» kaj li faris, kiel li ĝemus.

«Vi havas noblan ĥarakteron!» diris la reĝidino.

Je l' vespero la tuta urbo estis feste iluminita, kaj la pafilegoj tondris «bum!»—kaj la soldatoj faris paradon. La reĝidino kaj la ombro eliris sur la balkonon, por sin montri kaj ankoraŭ unu fojon

del rey; hoy mismo por la noche, celebraremos la boda.

«No; esto ya es demasiado», dijo el sabio. «¡Eso no lo quiero, eso no lo haré! ¡Eso sería engañar á todo el país juntamente con la hija del rey! Yo lo diré todo, que yo soy un hombre, y que tú no eres más que una sombra, que lleva vestidos de hombre!»

«Nadie te creerá», dijo la sombra. «¡Sé prudente ó llamaré á los guardias!

«Yo iré directamente á la hija del rey», repuso el sabio.—«Pero yo iré antes, exclamó la sombra, «y tú irás á la cárcel», y allí tuvo que ir, en efecto, el sabio, porque los soldados obedecieron á la sombra, sabiendo que la hija del rey iba á casarse con él.

«¿Tembláis?», dijo la hija del rey, cuando la sombra entró. «¿Os ha sucedido algo?, no os pongáis enfermo hoy que queremos celebrar esta noche nuestra boda».

«Me ocurre la cosa más terrible que pueda suceder», dijo la sombra. «Considerad—sí, esa débil cabeza de sombra no puede durar mucho,—considerad,—mi sombra perdió la prudencia; ella dice y repite que ella es el hombre, y yo,—considerad,—¡yo soy su sombra!»

«¡Terrible!», exclamó la hija del rey, «¿se le haya encerrado?»

«¡Se comprende! ¡Yo temo que no recobre nunca la prudencia!»

«¡Desgraciada sombra!», insistió la hija del rey, «lo siento mucho; sería mejor para ella que la librasen de su desgraciada vida. Si pienso bien, encuentro que es preciso hacerlo desaparecer silenciosamente».

«Aunque esto sería para mí muy doloroso», dijo la sombra, «pues siempre me fué fiel servidor», é hizo como quien suspiraba.

«Tenéis un carácter noble», dijo la hija del rey.

Por la noche toda la ciudad estaba iluminada de fiesta y los cañones disparaban «¡bum!»,—y los soldados hacían parada. La hija del rey y la sombra salieron al balcón, para mostrarse y recibir

ricevi la ĝojan kaj tondran «vivu!» de l' popolaj amasoj.

La instruita homo nenion aŭdis de l' tuta ĝoja kriado, ĉar al lia vivo estis farita fino.

L. L. ZAMENHOF.

una vez más el alegre y atronador «¡viva!» de las muchedumbres populares.

El sabio nada oyó de esta alegre gritería, pues se había puesto fin á su vida.

L. L. ZAMENHOF.

---

# ANONCOJ

# EN 3 MINUTOJ VI POVAS GAJNI 50 FRANKOJN

PARTOPRENANTE LA LUDON DE LA LIMERIKO

LA SUNO HISPANA
MAJO
*Detranĉu tiun kuponon kaj sendu ĝin kun via respondo.*

Tiu ludo certe interesos ĉiujn Esperantistojn, ĉar ili povos ricevi monan premion da 50 frankoj, kiel rekompenco de triminuta pripensado.

## KONDIĈOJ DE LA LIMERIKO

1. Aldoni al la jenaj kvar versoj unu verson, kiu rimos kun la unua kaj havos la saman nombron da silaboj.

*Juna filo en teatro*
*Iam diris al la patro:*
» *Kial kelkaj nur parolas?*
» *Ankaŭ mi babili volas*
. . . . . . . . . . . . . . .

2. Sendi, kun tiu verso: *a*) sian nomon kaj plenan adreson; *b*) mandaton aŭ poŝtmarkojn po fr. 1'25 (1 ŝilingo, 1 marko, 50 spesdekoj); *c*) la kuponon kiu estas en la angulo de tiu ĉi teksto al

LA LIMERIKO, *librairie de l' Esperanto,* 15, rue Montmartre, Paris.

3. Oni devos sendi la verson antaŭ la fino de Junio. (Se du versoj estas egale bonaj, la unue alveninta ricevos la premion).
4. La juĝistoj estos S.roj Gabriel Chavet kaj Pujula-Valjes.
5. La plej bona verso ricevos monan premion da fr. 50 (40 ŝilingoj, 40 markoj, 20 spesmiloj).
6. La nomo de la gajninto estos publikigata ĉiumonate en tiu ĉi jurnalo.

---



Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.